# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO
http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 29/01/2013 Naŭdek sesa Eldono 2012 30/01/2013 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

Brunaj literoj signifas reuzata sed grava informo
Nigraj literoj signifas nova aŭ ĝisdatigata informo

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE

## Esperantaj-RetRadioj.



Mi estas aŭskultanto de tiel nomataj Esperanto-RetRadioj. Mi aŭskultas regule nian E-RetRadion kaj la Polan RetRadion. Liberatempe danke al speciala paĝo http://esperanto-radio.com/ mi facile kaptas kelkajn aliajn podkastojn, inter ili estas: Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.

Sur la paĝo troviĝas ankaŭ radio Muzaiko, kiu elsendas tutdiurne siajn variajn programerojn.
Andreo Bach el Gdynia en Pollando





La plej nova numero de Monato estas senpage legebla dum 10 tagoj.
https://dl.dropbox.com/u/6142658/monato201302.pdf
Amike, Nicole

# KLUBNOVAĴO





Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

## La kluba listo kreskas





Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 9a Feb 2013 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto Klubo

La Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde.
Heather Heldzingen



## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo Ĉiuj bonvenaj.

Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;
Manlio kunvenos la 2an de Februaro.



# Esperanto-Domo Sidnejo

Kunvenis 27an de Januaro 2013, venis 10. Roger S, Mei, Rainer, Robert, Volo, Nicole, Margaret C, EŭiSeok, HoYun, Marina.
Rainer montris filmetojn el la filmeta germana konkurso.
Pica kaj nudela tago BBQ lastaj dimanĉoj de la monato



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

La Torkio grupo konsistas de lokaj loĝantoj kaj vizitantoj de Melburno.
Ni celas esti amikaj kaj agrablaj, kaj plibonigi nian esperantan kapablon.
Ni babilas pri kaj per Esperanto - kaj ni trinkas kafon!
**tel 03 5261 2899 M 0421043272**
https://sites.google.com/site/torquayesperantoweb/



## La Adelajda Esperanto-klubo-

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato (krom januaro) en Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.
Zamenhof-tago en decembro (11 esperantistoj).

ADELAJDA ESPEREJO

**Legogrupo.** En la Ŝtata biblioteko kunvenadas ĉiun ĵaŭdon
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375



**??** post nelonge?

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nia venonta kunveno estos jaŭdon, la 7-an de februaro, je la kutimaj horo de 19:00 (18:30 ĉe ni en Adelajdo)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

## Sydney Language Festival 2013



La NSK Federacio havas agadplanojn por ĉi tiu jaro. Ni organizos lingvan festivalon en Majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, Amike, Nicole vidu: http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena






## Trinkakvo en Francujo



Karaj geamikoj,
hieraŭ mi eksciis, ke en Francujo estas klopodoj privatigi la provizadon de trinkakvo. Kontraŭ tio ĝojige ekestas rezisto.
Mi petas vin rigardi la sube menciitan retadreson kaj subteni la iniciaton per via subskribo.

amikajn salutojn, http://www.right2water.eu/
Peter Weide sendis Bob Felby




## la 10 plej aĉetitaj libroj.

Flandra Esperanto Ligo: kiuj libroj plej bone vendiĝis en 2012?

**Tri libroj de Trevor Steele** estas en la listo de la 10 plej aĉetitaj libroj. Gratulojn al li!

Sendis Nicole

Kion vi opinias pri la du kolora AE?? Roger Springer



Dankon Roger, Nicole kaj Sandor.

Mi "spertis" la Kongreson aliule (? vicariously - ĉu iu povas anstataŭi pli taŭgan vorton?) kaj precipe per la belaj fotoj ĝuis la "partoprenon". Gratulojn al la organizantoj.

Vera.

## Tie vi povas legi la tutan artikolon de David Astle.

http://www.ipernity.com/blog/158659/445083 (Angle) Amike, Nicole

# Libroservo? JES!

En 3 tagoj de la melburna AEA-kongreso mi funkciigis ne grandan Esperanto-libroservon. Venante el Adelajdo mi portis en mia valizo po 1 ekzemplero de kelkaj eldonaĵoj kaj surloke atendis min malgranda skatolo de varoj, kiujn mi mendis nur antaŭnelonge de UEA kaj kiujn mi sendigis rekte al Melburno. Al tiuj almetis siajn verkojn Marcel, Nicole, Trevor kaj Penny kaj de ĉiu iom vendiĝis. La suma vendo de la libroservo estis 450 dolaroj! Kvindek dolarojn ricevos ankaŭ la Adelajda E-klubo ekz. por Kanako el Kananam. Mi mem finance ne gajnas, sed tamen tre kontentas, ke nia E-komunumo daŭre pretas investi en bonaj vortaroj, romanoj, diskoj...

Katja Steele

# Impresoj pri nia Melburna Kongreso

Reveninte hejmen nur antaŭ 2 tagoj, mi ŝatus aldoni al la komentoj pri nia Bonvola Kongreso.

Laŭ mi la kongreso sukcesis ĉar la etoso estis tre amika, eĉ kiam ni priparolis 'tiklajn' temojn!

Ankaŭ ni entute havis 48 aliĝojn kio estas mirinda konsiderante ke la estraro havis maksimume 2 1/2 monatojn por aranĝi la tutan kongreson.

Mi scias ke nia prezidanto ege zorgis pri la sukceso de sia 'unua' kongreso kaj multe laboris sed mi volas aparte mencii estraranon Heather kiu, ĉar ŝi estis la nura 'loka' estrarano, vere faris multegon, do mi ŝatus aparte danki ŝin pro ŝia granda laboro.



-Pri la malplenigo kaj ordigo de la enhavo de Fort Knox, oni ne menciis ke amkaŭ mi helpis kaj Dimanĉon kaj Lundon posttagmezon. Eble ili ne volis mencii ke mi helpis ĉar kiam mi elpakis la skatolojn mi volis jam forĵeti almenaŭ 1/4 de la enhavo kaj ili vere devis 'bremsi' min!! Sed mi mem estas ege feliĉa ke dum la kongreso ni sukcesis malplenigi, ordigi kaj havigi la tutan aferon pretan por translokigi al Esperanta Domo. Kiel via avara kasistino mi ĝojas ke ni ne plu devos pagi por la luado de Fort Knox!



Sekve de mia prelegeto pri Identeco mi volas mallonge rakonti al vi kio okazis dum mia 10 hora trajn-vojo ree al Adelajdo. Mi sidis dum iom da tempo en la 'ripoz' ĉambro de la trajno. Iu virino venis sidi apud mi kaj **tuj** diris al mi -" de kie vi estas!" Mi ne tuj respondis pensante pri mia prelego sed poste diris 'de diversaj lokoj' kaj tio ŝajne kontentigis la virinon kaj ni sekve parolis longe pri la teniso k.a. Aliflanke en la sidloko de la trajno apud mi estis Ĉin-aspekta virino kaj ni dum horoj parolis pri diversaj temoj sed **neniam** ŝi nek mi tuŝis la temon de 'kie aŭ kiu vi estas' Tio montris al mi daŭre ke tute ne gravas scii "de kie" vi estas ktp por havi agrablan interparoladon!

INDRANI

# Kongresajn Fotojn sendis Katja Steele











Mi sendas al vi materialojn por la novaĵbulteno.
Al la foto pri Jonathan ĉe komputilo mi aldonus: Jonathan Cooper kapablas ne nur prelegi pri arto, sed ankaŭ kanti! Vidu, kiel ĉiu amuziĝas ĉe lia komputile ilustrita kantado!
Amike, Katja

Ĉu iuj ankoraŭ ne posedas *Adventures in Esperantoland* de Ralph Harry (en la angla)? Se vi donas al mi $2.50 por sendokostoj (ene de Aŭstralio) mi povos sendi al vi ekzempleron. Mi trovis kelkajn ekzemplerojn en la rubujo en Melburno (eble dank'al la bona laboro de Indrani?). Ili aspektas tute novaj. Nicole
nicole@cryogenic.net

# Sendu fotojn kaj spertojn pri la kongreso

Jen la pruvo, ke niaj fotistoj laboris. Ĉu ne estus bele aperigi serion de la Kam-aj bildoj? Amike, Katja



















# E–VAGABONDOJ




La strangaspekta paro en la supra fotaĵo estas NAH Eui-Seok el Koreio kaj Max WEARING el 81/9 East Tce, ADELAIDE, dum la mateno 12a de januaro, 2013. Fotis ilin 15-jaraĝa filo de S-ro NAH.

En Koreio, Familio NAH iam gastigis Sandor Horvath, kaj ĉi-tie S-ro NAH esperis retrovi lin en SudAŭstralio; sed Sandor tiu-momente forestis en NovZelando por tie ĉeesti E-kongreson kaj poste regi "bonvolan" kongreson en Melburno, Aŭstralio. Bonŝance, Max sukcesis trovi litojn en junular-gastejo por la du NAHoj, kaj poste, patro kaj filo NAH veturis per aŭtobuso kaj pram-boato al Kanguru-Insulo. Alia helpema esperantisto, S-ino Indrani Beharry-Lall, poste gastigis ilin dum du noktoj en sia apud-adelajda hejmo kaj flugis kun ili al la E-kongreso en International House, Melbourne.

Ankaŭ Max flugis tien kun helpanto sia, nova esperantisto, Muhammad Abid Afridi, el Pakistano. raportas Max Wearing

Klaku **BOAVONTADE.COM**

**Portalo de la Ekumena Spiritualeco** Alklaku la afiŝon ktp




Sendis "Portalo Bona Volo" esperanto@bonavolo.com